**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Directora: María Aurora Viloria

Dirección y administración
Carreras Candi, 34 – 36
08028 BARCELONA

REDACTOR JEFE
Giordano Moya Escayola
Balmes, 38. Tel. (93) 788 1839
08225 TERRASSA (BARCELONA)

COMITE DE REDACCION
Vicente Hernández Llusera
Gabriel Mora i Arana
Andrés Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz
Antonio Marco Botella

Jarabono . . . . . . . . . . . . 1500 p-toj

ENHAVO

La kovrilo: Hispanaj E-eldonaĵoj en la librofoiro en Göteborg, Svedujo



Depósito Legal: VA. 616 – 1978
G.E.T.

UTILAJ ADRESOJ

Hispana Esperanto-Federacio
Carreras Candi, 34-36
Tel. (93) 240 26 62
08028 BARCELONA

PREZIDANTO. Salvador Aragay

VICPREZIDANTO. Luis María Hernández

SEKRETARIO. Víctor Ruiz

VICSEKRETARIO. Josep Miranda

KASISTO. Joan Font

Pagojn sendu al
Caja de Pensiones para la Vejez y de Ahorros. Libreta núm. 2.303-26
Agencia Riera Blanca, 436
08028 BARCELONA

JUNULARA SEKCIO (H.E.J.S.)
Sol, 75
41003 - SEVILLA

FERVOJISTA SEKCIO (H.E.F.A.)
Ronda S. Antonio 46-50, 2° 4°
08001 BARCELONA

TURISMA SEKCIO KAJ ELDONA FAKO
kaj "FUNDACION ESPERANTO"
Inés Gastón
P° de la Constitución 35, 4°
5001 ZARAGOZA

LIBRO–SERVO
Luis Hernández García
Apartado 119
47080 VALLADOLID
Pagojn por LIBRO–SERVO
Cuenta Postal 3.118.078 VALLADOLID

ĈEFDELEGITO DE U.E.A. EN HISPANUJO
Juan Azcuenaga Vierna
Gral. Dávila 127, portal 7, 2° izda.
Tel. (942) 33 94 87
Cuenta Postal 03548531
39007 SANTANDER

OFICEJO
Rodríguez San Pedro, 13, 3° P-7
28015 MADRID

INFORMA OFICEJO
Julio Herrero
Nontecorto 9, 3° 16ª
29014 MALAGA

## IVO LAPENNA MORTIS

La tuta Esperanto-movado funebras la forpason de Ivo Lapenna, unu el la plej grandaj figuroj en la historio de la Internacia Lingvo. Profesoro Lapenna estis la arkitekto de la moderna Universala Esperanto-Asocio. Kiel komitatano kaj estrarano de la Asocio, kaj kiel ĝia prezidanto dum deko da jaroj, li direktis ĝiajn energiojn al la publika prezento de Esperanto al la plej altaj instancoj. Li estas konata kiel ĉefa rolanto de akceptigo de ŝlosila rezolucio favora al Esperanto ĉe la Ĝenerala Konferenco de Unesko en Montevideo en 1954 kaj kiel pledanto por Esperanto antaŭ ŝtatestroj, intelektuloj kaj sciencistoj.

La firma kaj senkompromisa sinteno de profesoro Lapenna pri la seriozeco de la pretendoj de Esperanto faris lin granda malamiko de ĉia misuzo kaj misprezento de Esperanto, kaj de sektismo kaj diletantismo. Li insistis pri plej altaj normoj en la lingvouzo kaj pri respekto al la humanecaj idealoj de la Internacia Lingvo. Li estis brila informanto por Esperanto – jam de siaj studentaj jaroj en Jugoslavio kaj poste kiel kvidanto kaj inspiranto de la informa laboro de UEA. Tra ĉiuj malfacilaĵoj kaj seniluziiĝoj li restis senlaca laboranto por la lingvo. Li estas aparte memorata kiel brila oratoro kaj talenta verkisto en la Internacia Lingvo. Multaj ankaŭ memoras lin kiel instruanton kaj inspiranton de tuta pli juna generacio de aktivuloj por Esperanto.

Li estis tutmonde agnoskata ekster la Esperanto-movado kiel gvida figuro en la internacia juro, kaj sian sindediĉon al la idealoj de libereco kaj homaj rajtoj li montris per sia partopreno en la jugoslava lukto kontraŭ faŝismo kaj per multjara studado kaj pledado pri la homaj rajtoj.

Profesoro Lapenna mortis en la Zamenhof-tago de la centa jaro de Esperanto. Se lia forpaso markis la finon de unu epoko en la historio de Esperanto, des pli gravas, ke ni daŭrigu konscie kaj konscience lian laboron en la duan jarcenton. Nenio alia pli bone taŭgas por honori lian memoron.

Al lia vidvino kaj al ĉiuj aliaj liaj familianoj, amikoj kaj kolegoj mi esprimas, nome de UEA, sincerajn kondolencojn.

Humphrey Tonkin
Prezidanto de UEA
15 decembro 1987



## GLOSO PRI IVO LAPENNA (1909 – 1987)

Aliaj, tute prave, skribos pri aglecaj majesto kaj akrevido de Ivo Lapenna; aliaj pri liaj elefantecaj memoro kaj fortiko; aliaj pri liaj leonecaj aŭdaco, mastrivo, braveco; aliaj pri lia oratora arto kaj konversacia ĉarmo (du flankoj de la sama medalo); aliaj pri liaj grandiozaj kapabloj organizaj, kiuj indigis la Movadon ĝis neniam antaŭe viditaj altoj; aliaj pritraktos liajn verkojn jurajn, beletrajn, lingvajn, organizajn, polemikajn; aliaj...

Mi tamen spuros diferencan aspekton de lia karaktero. Mi ekadmiris profesoron Lapenna, kiam li elpaŝis, dum la Berna Kongreso de 1947, kun freŝaj ideoj –eĉ se klare politikodoraj– pri reorganizo de la Movado en la postmilita vakejo. De tiam mi klopodis spuri kiel formiĝis tiu aparta giganta viro de Esperantujo. Ĉe tiu spurado kreskis mia admiro. Nu, ĉar eble malmultaj konsideros tiun flankon de lia personeco, jen mi kuraĝas surpaperigi miajn impresojn kaj konstatojn, en la espero iel kunhelpi fokusigi malpli konatan faceton de lia biografio.

Dum 32 jaroj mi amike rilatis kun Ivo Lapenna. Mi renkontis lin unuafoje dum la Bologna Kongreso, kiam li plenĝuis la merititan ekzaltiĝon, personan kaj movadan, kiun estigis lia atingo de la Montevidea Rezolucio (1954). En konversacioj kun li dum kongresoj kaj aliaj rekontiĝoj; el konfidencoj de liaj samlandanoj, ĉefe de akademiano Ivo Rotkvić (lia kunlernanto en la Jura Fakultato de Zagrebo), de la poligrafo Marinko Gjivoje, kaj de aliaj: el tiuj multjaraj amikaj babiladoj mi iom post iom sciiĝis, ke li unue, kiel infano, edukiĝis en katolika medio, kaj ke poste, dum sia juneco, li fervore adheris al la marksismo kaj al ĉi ties historia materiismo. Memsekve, kiam la nazioj invadis Jugoslavion, li senhezite partizaniĝis apud la batalantoj de Tito kaj gerilis en sia patrolanda montaro, kie li atingis la rangon de majoro. Poste, kiam li oficis kiel profesoro en la Jura Fakultato de Zagrebo, li estis leono de ĉi ties interna rondo de la komunista partio: ĉiuj, eĉ aŭtoritatuloj, lin forte timis.

En la postmilitaj jaroj, ĝisfunde vivinte kaj spertinte la esencojn de la venkinta kaj reganta jugoslavia komunismo, li naŭziĝis kaj abomenis la komunismon samfervore kiel li antaŭe ĝin defendis. Denove averso kaj reverso de la sama medalo: li nur obligis siajn ideojn per minus unu, t.e. li aplikis la **saman** stereotipon, nome dogmemon, sed kun inko de **mala** koloro, kiel pruviĝis per lia ICNEM-politiko kontraŭ UEA! La du totalismoj en kiuj li unue kiel infano kaj poste kiel junulo formiĝis, solide fiksiĝis en lia memo kun siaj absolutaj neerarivoj. Same katolikismo kiel komunismo tendencas transcendi oniajn spertojn, trudante al la disĉiploj totalecajn, ĉiom ampleksantajn mondkomprenojn, kun la konvinko, ke ekzistas absolutaj veroj kaj estigeblas perfektaj socioj. Nu, fundamentaj homaj referencejoj, plejparte ne-

konsciaj —tion Freud konvinke analizis—, estas infanaĝo kaj unua juneco: sekve Lapenna ne kapablis koncipi validan alternativan pensmodelon, t.e. akcepti la demokratian principon, ke kontraŭloj kaj malamikoj povas/povus pravi: en lia menso tia eblo apenaŭ estis konceptebla. De tio lia sento pri propra neerarivo kaj, sekve, de lia obstina volismo, de lia ekskludado de alipensantoj, kiam la aferoj ne laŭis liajn mensajn skemojn. Li ja kapablis demokrati pri detaloj, pri randaĵoj, sed li neniam cedis pri siaj kernaj impulsoj. Tiel li forĝis al si modelon de Movado, en kiu obeanta klientaro devis nur sekvi ĉiam pravan gvidiston kiu ne toleris kritikon propran al nuntempa libera civitano. En lia regmodelo ne eblis alia dilemo ol sekvismo aŭ konfronto. (En konfrontado li sin rivelis eminenta dialektikisto). Li do postulis de aliaj sekvismon fojfoje puŝitan ĝis ekstremoj. Nun, kiam la modernigo de la socio ne plu toleras absolutan personan povon, la altrudado de tia povo fragiligas, frakasas la socian funkciadon, ĝis ĉio transformiĝas je plej granda minaco por la demokrata stabilo. Se la gvidanto emas rigardi nelegitima ĉian opozicion, neeviteble estiĝadas konfliktoj: tia estis la okazo kiam Lapenna ne estis reelektita prezidanto de UEA, sekve de tute demokrata voĉdono, kiun li konstante de tiam rigardis kiel puĉon, anstataŭ discipline akcepti la decidon de la plimulto, kiel faras konsekvenca demokrato.

Lapenna sukcesis fari al si senkondiĉajn sekvistojn, sed sammaniere, nerepacigeblajn kontraŭstarantojn. Tiel konfrontado fariĝis neevitebla, kaj ĝi eksplodis en Hamburgo (1974). UEA estis povdemando por Lapenna: tiel li volisme puŝis la aferojn ĝis la sojlo skismigi la Movadon per sia agresema ICNEM. Sed li ja atingis malan rezulton: per tia senkondiĉa atakado UEA nur plifirmiĝis, kaj ICNEM ĝisvivis la senutilon de sia strebado, ĝis ĝi konsumiĝis dum sia Graz-Konferenco (1987), ĵus antaŭ la morto de sia kreinto, mentoro kaj ĉefkorifeo.

Multaj riproĉis min pro mia lojala amikeco al Lapenna, homo, kiun ili titolis despoto, tirano, diktatoro. Ĝuste tial mi klopodis supre skizi ŝlosilajn trajtojn de lia mensa formiĝo. Pri si mem li opiniis, ke dum sia tuta vivo li defendis la samajn principojn. Tio estas fundamente vera, se tiujn principojn konsistigas liaj volismo kaj aŭtokrateco, same kiam li poris kiel kiam li kontraŭis komunismon. Aldone li sin taksis senerara kaj konsekvenca, sekve teorie prava, libera homo. Ne malofte lin honeste perpleksigis, ke virtaj samideanoj rifuzis agi laŭ lia gvidista pravo. Tial li venis en staton, en kiu li ne povis forlasi sian luktadon sen perdo de io, kio apartenas eble al jam definitive pasinta epoko de la sociaj aferoj, sed kio por li gravegis, nome la sento pri intima digno. Dum siaj lastaj vivojaroj li sciis, ke li luktas batalojn jam antaŭe perditajn; li do plue luktis nur por defendi sian dignon.

Pli grandan laŭdon mi ne scias fari al mia mortinta amiko ol klopodi lin kompreni: li ja, konscie aŭ ne, iris vojon kiun al li diktis liaj personaj absolutoj. Kaj tiel li fariĝis la ĝis nun plej admirinda **aristokrato/aŭtokrato de la** esperantismo.

**Juan REGULO PEREZ**

# PENSOJ DE ZAMENHOF

*Folieto de "**Posrednik**". ("esperantisto" n-ro 2). Ludovikito, kajero 3.*

Komencante de la nuna numero, al la nombro de konstantaj kunlaborantoj de nia gazeto aliĝis la redakcio de "**Posrednik**". Tiu ĉi redakcio, al kiu apartenas ankaŭ la glora verkisto grafo L. Tolstoj, en Rusujo estas sufiĉe konata, sed por niaj amikoj ekster Rusujo ni devas diri kelke da vortoj pri "**Posrednik**". Pri sia esenco parolas malsupre "**Posrednik**" mem; sed ĉar, parolante pri si, "**Posrednik**" ofte uzas formon de parolo pure eklezian (preĝejan), kio povus elvoki ĉe niaj legantoj la eraran opinion, ke ni donas al nia gazeto eklezian karakteron, tial ni volas iom klarigi tiun ĉi punkton. "**Posrednik**" tute ne estas — kiel povus erare ŝajni laŭ kelkaj liaj esprimoj — ia institucio, kiu batalas por tiu aŭ alia ekstera formo de religioj. La idealoj, por kiuj laboras "**Posrednik**", estas: amo kaj frateco inter ĉiuj homoj, forigo de militoj, pureco de moroj, justeco kaj kompato al bestoj, deteniĝado de alkoholo, tabako ktp. La laborado de "**Posrednik**" estas sekve tre parenca al la nia, kaj tial sendube ĉiuj niaj legantoj salutos kun plezuro la aliĝon de "**Posrednik**" al niaj kunlaborantoj.

"**Posrednik**" laboras pro tio, pro kio laboris siatempe Kristo kaj la unuaj kristanoj (kaj por kio ankaŭ nun kaj en ĉiuj tempoj laboras kaj laboradis ĉiuj noblaj kaj honestaj homoj, tute egale, al kia ajn nacio aŭ ekstera religio ili apartenas), tial en la verkoj de "**Posrednik**" la leganto ofte trovos la esprimoj —instruo de Kristo—, —regno de Dio— ktp. Sed ni petas la legantojn juĝi ne laŭ la kutima **sono** de la vortoj, sed laŭ ilia **enhavo** kaj ne miksi tiun ĉi **puran, ĉiuhoman** filozofian religion kun tio, kion ni kutimis ordinare vidadi sub la **ekstera** formo de diversaj religioj. Pri la eksteraj diversaj apartaj religiaj formoj, kiuj sub la mantelo de altaj principoj semadis ĉiam nur malamon inter la homoj, ne parolas "**Posrednik**" kaj neniam parolados ankaŭ ni. Ĉion, kio akcelas fratecon inter la homoj, ni salutados ĉiam kun ĝojo; ĉio, kio semas disputon kaj malamon inter la homoj, restu ĉiam for de ni!

Por la artikoloj de "**Posrednik**" ni malfermas specialan rubrikon sub la titolo "**Folieto de Posrednik**".

**L. Zamenhof**

## DEZIRAS KORESPONDI

Szepesi László, 37 jara fraŭlo, invalida emerito pro malbona vidado, deziras, ke oni transdonu lian adreson al tia samsortulino aŭ sana fraŭlino, kiu volonte korespondus kun li! 2241 SÜLYSA`P Szilvafasor 41. Hungario.

## ESPERANTO ANTAŬ SIA DUA JARCENTO

La esperantistoj festis dum 1987 la centjaran datrevenon de Esperanto. Antaŭ cent jaroj, en 1887, aperis en Varsovio la unua libro de D-ro Esperanto, Internacia Lingvo, kun antaŭparolo kaj plena lernolibro por rusoj. Zamenhof donis al sia kreita lingvo la celon de reciproka interkompreniĝo de la popoloj. En lia naskiĝurbo Bjalistoko loĝis poloj, germanoj, rusoj kaj hebreoj. Ĉiu el tiuj homgrupoj havis propran lingvon, apartan religion aŭ konfesion, kaj malsimilajn morojn. Oftaj estis la progromoj kontraŭ la judoj. Zamenhof en sia infaneco suferis kelkfoje de progromoj kaj spertis la daŭran malamikecon inter tiuj diversaj gentoj. Lia unua reago estis revi pri kreado de interlingvo por ĉiuj tiuj diversaj gentoj, konsiderante, ke la lingva diverseco estas la plej profunda kaŭzo de malamikeco. Poste, jam junulo, li aplikis la saman konkludon de Bjalistoko por la tuta homaro. Unu lingvo, krom la hejme propra, por la tuta mondo. Krome, li aplikis la saman pri lingvan formulon al la religioj kaj sub la nomo, unue Hilelismo, kaj sekve Homaranismo, li elpensis komunan moralan regularon akordigeblan kun la diverseco de religioj.

La ideo de Zamenhof estis, ke konservante ĉiu popolo sian lingvon kaj tiel same sian religion oni starigu lingvan kaj moralan pontojn por atingi pacan homaron.

La paca revo de Zamenhof estis idealisma kaj bazita sur la sentoj kun radikoj en la romantikismo de la pasinta deknaŭa jarcento. Tamen, oni devas agnoski, ke kiu ajn idealismo estas subjektiva sinteno, ne deviga kiel komuna morala devo.

De tio jam pasis cent jaroj. Okazis la unua mondmilito kaj poste la dua. La pogromoj de Bjalistoko post la hiroŝima atombombo ŝajnas infanaj kvereletoj. Milionoj kaj milionoj da mortintoj, ĝeneralaj neelteneblaj suferoj, malsato, mizero, morala disfalo. Nuntempe, post cent jaroj, tra tiom da tragikaj eventoj, la homoj fariĝis skeptikaj pri idealismoj kaj la romantikismo de la pasinta jarcento aperas kiel somera sonĝa revo.

Tamen, neniam antaŭe la materiala vivo de la plejmulto estis tiel kontentiga kiel nun. La ĝenerala vivnivelo de la evoluintaj landoj estas alta, kaj se en multaj lokoj kaj landoj estas mizeruloj, tio ne dependas de naturaj kondiĉoj, sed de manko de bona volo por solvi tiujn mizerojn.

La tiamaj intergentaj kvereloj, tiuj Bjalistokaj, kiujn spertis Zamenhof, nun estas anstataŭataj de alfrontiĝoj de ŝtatoj kaj grupoj da ŝtatoj. Pro la scienco kaj la tekniko, senmezure prosperantaj, pro la aviado, la radio, televido, ktp., nia mondo fariĝis tiel malgranda, kiel se ni ĉiuj, la tuta homaro,

loĝus en granda kaj sola urbo kun ĉirkaŭaj kvartaloj. Kaj super tiu grandega urbo ŝvebas la risko de totala pereo pro atoma kaj nuklea energio enkorpigita en impona rezervo de bomboj.

Certe en la mondo estas multaj ideologioj, diversaj politikaj kaj sociaj reĝimoj, sed fakte la civilizacio estas la sama. Nia komuna civilizacio estas scienca kaj teknika, mekanika kaj industria, kaj celas la konsumadon. Kio ne estas komuna, tio estas la bona volo por kune aranĝi la homajn kaj homarajn problemojn. Plu daŭras la luktoj por la povo, por la superregado, ktp., kiuj estas spegulataj de tutmonda armiĝo.

Kaj ni alvenu al la idealisma revo de Zamenhof, sed en la skalo de la nuna tempo. La disputoj, la kvereloj, la alfrontiĝoj, hodiaŭ okazas tutmonde, kaj ni, la simplaj homoj kaj eĉ la popoloj, pro disiĝo, nenion aŭ preskaŭ nenion povas fari. Eĉ la ebla neniigo de la homaro restas en la kapo kaj la manoj de la registaroj, kaj ili ofte, ne aŭskultas la plendojn de la subuloj.

Revenante al la ekzemplo pri Bjalistoko, estas konstateble, ke nuntempe, pli ol iam antaŭe, oni bezonas la internacian lingvon de d-ro Zamenhof, por ke la popoloj povu interkompreniĝadi, kaj estas ankaŭ bezonataj la humanaj sento kaj konscio, ke ni ĉiuj, aŭ ĉiuj niaj filoj aŭ nepoj ne devus perei. La memekstermiĝo de la homo estus la fiasko de la inteligenteco en la vivevoluo sur la Tero.

Estas necesa humaneca prospero paralela je la jam tutmonda mekanika prospero. En tiu malekvilibro kuŝas la historia krizo de nia tempo.

Antaŭ la eniro en la duan jarcenton de Esperanto, oni devas klopodi por ke ĝi, kiel rimedo, fariĝu la precipa pacigilo kaj unuigilo de la homaro. La unuanima alvokado de la popoloj devas instigi la registarojn al la malarmado kaj al reciproka paca kunlaborado kaj kunvivado sur la devizo, ke konservante ĉiu lando sian propran lingvon, kaj sian politikan kaj socian sistemojn, komune dediĉu sin kunagadi por nova civilizacio en unueca kaj paca homaro.

La esperantismo en sia dua jarcento ne plu estu reva idealismo de pasivaj romantikuloj, sed konscia agado de homoj, kiuj impulsate de humana morala devo, etike deviga por ĉiu homo kaj socio, alportu al la homaro tion, kion mencias strofo de La Espero: "Sur neŭtrala lingva fundamento, komprenante unu la alian, la popoloj faros en konsento, unu grandan rondon familian".

G.M.E.

---

**DESEGNO – KONKURSO**

*En la pasinta kunveno de la HEF-estraro kaj Delegitoj de la E-Asocioj, la 13an de marto en Sabadell, oni decidis proponi al la membraro:*

*DESEGNO–KONKURSON por omaĝi la 40an Datreveno, de HEF.*

*La elektado okazos en la 48a H.K. en Valencio kaj la desegnaĵo gajninta estos uzata por eldoni bildkarton.*

*Bonvolu sendi la konkursaĵojn al la sidejo de HEF en Barcelono.*

## ANTAŬ LA KVARDEKA DATREVENO DE LA OFICIALIGO DE HEF

Neniam mankis en Esperantujo homoj por solvi ĝiajn gravajn problemojn. Post la milito, la hispanaj esperantistoj konsciis la taŭgecon unuiĝi denove por kulturi kaj disvastigi Esperanton en Hispanio kaj tiam aperis elstara grupo da homoj, la valenciaj samideanoj, kapablaj kaj pretaj plenumi kaj realigi tiun iniciaton.

Ke ili trafis pruvas la ekzisto de HEF kaj la sennombraj sukcesoj atingitaj de ĝi. Tial, ankaŭ nun, kiam la Movado prezentas novajn problemojn, same kiel ĉiu viva estaĵo. Valencio kaj la aliaj hispanaj landoj kuraĝu serĉi ĝustajn solvojn. Atentu, do.

Cetere, kaj okaze de la 40a datreveno de la Oficialigo de HEF mian gratulon al ĝi kaj al ĝiaj valenciaj fondintoj.

**Andrés Martín**

## NOVAĴOJ

**"Heroldo" translokiĝas**

En sia 67-jara internacia vivo, "Heroldo de Esperanto" — la dua plej legata kaj la plej ofta periodaĵo en Esperanto — trapasis kelkajn etapojn: ĉiu el ili signifis por la gazeto gravan svingon kaj esencan progreson.

"Heroldo" naskiĝis en Kolonjo en 1920 fare de Teo Jung, sed rifuĝis en Nederlando kun sia fondinto antaŭ la Dua Mondmilito, por savi sin de naziaj persekutoj.

En 1962, la nuna redaktorino transprenis la gazeton al Bruselo kaj flegis ĝin tie 17 jarojn.

En 1979, "Heroldo" denove sekvis la redaktorinon: ĉifoje temis pri Madrido, kie la edzo, Gian Carlo Fighiera, deĵoris dum 9 jaroj kiel funkciulo de la Monda Turisma Organizaĵo.

Nun, komence de 1988, li definitive revenos al sia naskiĝurbo, kie li fruemeritiĝos kaj laboros kiel sendependa konsilisto pri kongresa turismo.

Tial, "Heroldo" daŭrigos sian aperadon en Torino, la historia ĉefurbo de Italio.

**Noto.** ekde mezo de januaro 1988 bonvolu ne plu sendi korespondaĵojn al Madrido, sed uzi la novan adreson: **Ada. Fighiera-Sikorska, "Heroldo de Esperanto", Via N. Sandre 15, I-10078 Venaria R.—Torino (Italio). Pagojn** sendu al la **landaj perantoj**, aŭ: **A. Sikorska—"Heroldo", conto 32108, Banco di Roma, via Alfieri, Torino (Italio)**

## RESPONDO AL SINJORO REGULO

Mi dankos la publikigon en la proksima Boletín, de tiu ĉi artikoleto. Mi konsideras tion necesa, ĉar la justeco postulas ĝin.

Mi protestas pro la artikolo de Juan Régulo en la lasta ekzemplero de la Bulteno, kie li esprimas siajn politikajn pensojn kontraŭ la reĝimo, kiun prezidis Generalo Franco. La vortoj, kiujn li uzas ofendas la sentojn de tiuj, kiuj pensas, ke tiu epoko estis la plej bona de nia historio en la nuntempa jarcento.

Sed ĉefe estas bedaŭrinda tiu artikolo, ĉar li malfermas la polemikon, politikan polemikon, interne de esperanta revuo.

Mi ĉiam legis, aŭdis kaj opiniis, ke ne estas esperanta mondo taŭga ujo por batali pri politikaj aferoj. Multaj kaj malsamaj povas esti la inklinoj de la esperantistoj kaj ĉiuj meritas respekton.

Kompreneble mi havas mian politikan penson tute kontraŭa al la ideoj de s-ro Régulo, sed mi ne konsideras, ke la Bulteno estu ilo por esprimi ilin. Nun mi estas esprimanta ilin, sed tio estas legitima defendo.

Mi estus feliĉa, se oni povas atingi, ke nia bulteno estu vere neŭtrala kaj ne reaperas artikoloj, kiuj ne estas kiel la esperanta tradicio instruas al ni.

Sinjoro Regulo povos trovi facile multajn ĵurnalojn por malŝarĝi sian antifrankismon. Tamen, por mi la kontraŭa laboro estos pli malfacila. Ankaŭ pli kuraĝa, kvalito tre estimata de li.

**Vicente Martorell**

## NOVA KATALOGO DE LIBRO–SERVO DE HEF.

Celante informi ĉiun eblan aĉetonton, pri la libroj kaj esperantaĵoj kiujn havas Libro-Servo de H.E.F., de tempo al tempo oni eldonas katalogon, kiu en dudek kvar paĝoj, listigitaj laŭ temoj, oni mencias ĉion mendeblan ĉe tiu servo de Hispana Esperanto-Federacio.

Laŭ la stoko ekzistanta, ni plenumas la ricevitajn mendojn, kiel eble plej rapide, kaj sendas la mendojn per rekomendita poŝto kaj remburse.

La katalogon ni sendos al ĉiu kiu faros al ni mendon, kaj ankaŭ al ĉiu, kiu deziras aĉeti librojn kaj esperantaĵojn ĉe Libro-servo de H.E.F.

Lastatempe multaj interesaj libroj estis eldonitaj en Hispanujo; kial ne mendi al Libro-Servo de H.E.F. iun el ili por donaci kiel memoraĵon al iu eksterlanda Esperanta amiko aŭ eĉ por propra plezuro kaj distro?

Faru vian mendon, jam, per letero, aŭ simpla bildkarto al nia adreso:

*Libroservo de H.E.F.*
*Apartado, 119*
*47080 VALLADOLID*

# HEF – SIDEJO EN BARCELONO

**NOVAJ MEMBROJ:** José Francisco Martín, Alberto Rafaelo, Cebollero Samitier, Daniel Sampedro, Plácida Sotillo, José Miquel, Enrique Navarro, Manuel López Hernández, Oscar Otero, Mateu Bausells kaj Charo Ortega.

**DUMVIVAJ MEMBROJ** Antonia Galbany kaj Ricardo Felipe.

**NOVA ESPERANTO – ASOCIO ALIĜINTA**

JUNULARA ESPERANTISTA KATALUNA ASOCIO, Apartado 23484. 08080 – Barcelona

**Statistiko** JAM 50 Esperanto-Asocioj kaj Esperanto-Kluboj estas aliĝintaj

**AVIADILA KARAVANO. AL ROTTERDAMO POR LA 73a U.K. de E.**

Tago de la eliro 22a de julio. Tago de la reveno 31a de julio

OFICIALA AGENTEJO: Viajes Iberia, Rambla Estudios 130, 08002-Barcelono Tel. 317 93 20

Ni informas, ke nepre. oni devas mendi kune, la aviadilan vojaĝon kaj la duonan pensionon dum 8 tagoj en unuaklasa hotelo. La kosto estas 96.500 pesetoj. La prezo ne inkluzivas: ekskursojn, kulturajn vizitojn, bankedon, nek la aliĝon al la kongreso.

**40a DATREVENO DE LA FONDO DE HISPANA ESPERANTO–FEDERACIO 1947-1987**

a) KONKURSO. Temo 40a Datreveno de HEF. Historio, personaj spertoj, memoraĵoj ktp. Lingvo Esperanto, Maksimume: Du paĝoj de HEF-Boletin. Sendu vian kunlaboraĵon kaj ĝi aperos en la paĝoj de HEF-Boletin.

b) Temo: 40a Datreveno de HEF kaj pri Esperanto. Artikolo aŭ raporto publikigita en la ĵurnaloj kaj revuoj.
La Sekretario informas, ke ni ricevis amason da artikoloj kaj eltranĉaĵoj, sed ni urĝas vin, kara leganto, ke se vi deziras partopremi en la premio sendu tuj pliajn. (Vidu klarigojn en la paĝo 3a, bulteno n-ro 283 novembro-decembro).
Disdonado de premioj okaze de la 48a Hispana Kongreso de Esperanto en Valencio.

**ALIĜINTOJ AL LA 48a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO. Entute 170**

**NOVA KOVRILPAĜO por la HEF–BULTENO** Malmultaj desegnistoj partoprenis la konkurson por la nova kovrilpaĝo. Ni atentigas ĉiun interesulon, ke ne estas necesa profesia desegno. La Redakcio bezonas novajn ideojn. Vidu klarigojn sur la paĝo 20a, bulteno n-ro 284.

## NOTO DE LA REDAKCIO

Pro la limigita spaco en "BOLETIN", ni bonvole petas, ke oni ne sendu pliajn nekrologojn pri nia kara forpasinto Ivo Lapenna.

**VOĈDONANTOJ NOME DE LA AŬTONOMAJ KOMUNUMOJ.** Laŭ la decido en la pasinta 47a Hispana Kongreso en Madrido. ĉiu aŭtonoma komunumo rajtas elekti voĉdonanton. Nun ni povas informi al vi, ke s-ro José González Rodríguez, Cardenal Cisneros 46, 06008-Badajoz estas voĉdonanto nome de Estremaduro. La HEF-estraro petas al la esperantistaro de tiu aŭtonoma komunumo, kiu ankoraŭ ne elektis sian VOĈDONANTON, ke oni faru tuj, kun la celo, ke en Valencio ĉiuj aŭtonomaj komunumoj estu reprezentotaj.

## RECENZO

**Bestoj kaj Homoj.** Rakontoj. Bernard Golden. Paĝoj 139. Formato 21x15 cm. Eldonejo Edistudio, Pizo. Prezo 1.100 p-toj.

Bernard Golden, akademiano, tre konata pro liaj filologiaj studoj, prezentas en tiu verko kolekton da rakontoj. Oni ne bezonas taksi iliajn meritojn, ĉar la plej multo el ili estis premiitaj en literaturaj konkursoj. Ili montras la vivan imagon de la rakontisto, ĉar oni konceptas la rakontojn eltiritaj el realaj okazaĵoj. Tamen, tiuj realaĵoj devas esti imagitaj, ĉar, por ekzemplo, la aventuro en la haremo, certe ne estas travivaĵo de Bernard Golden.

Jen la rakontoj kaj ĝiaj premioj:

"Bestoj". — "Fetiĉoj kaj fotoj". Unua proza premio, Internaciaj Floraj Ludoj, 1979 — "Bomba vojaĝo". Tria premio, Literatura konkurso, Madrida Esperanto-Liceo, 1980— "Delogado per Krajono". Unua proza premio, Belartaj Konkursoj de UEA, 1982. — "Vigla nokto en la haremo". Dua proza premio, Belartaj Konkursoj de UEA, 1982. — "La tragedio de Ĉerven". Dua premio originala prozo, Literatura Konkurso de Bulgara Esperantisto, 1981 — "Memoraĵoj el Pompejo". Unua proza premio, Interciaj Floraj Ludoj, 1978. — "La sanktejo". Unua premio (novelo), Internacia Literatura Konkurso "Tridentum" 1977. — "La nekonstruebla turo". — "La malfidela reĝino". Unua premio, originaka prozo, Literatura Konkurso de Madrida Esperanto-Liceo, 1980. — "Meksika aperitivo. — "La novaj antikvaĵoj de s-ro Morales". Dua premio, prozo originala, Literatura Konkurso de Bulgara Esperantisto, 1980. — "Kolombo sur vulkano".—

G.M.E.

## "Til' Strigospegul' "
## ELSTARA TRADUKO DE MEZEPOKA VERKO

En la gilda mondo de la germana malfrua Mezepoko naskiĝis la pikareskaj rakontoj pri la faroj de Til' Strigospegul', pseŭdo-historia vagabondo, mokulo kaj fripono, kiun la ikonografia tradicio prezentas kun strigo (simbolo de saĝeco) en unu mano kaj spegulo (la viv-komedio) en la alia.

La 96 tre mallongaj historietoj, parte originalaj parte apokrifaj, nun aperintaj en Esperanto dank' al la pietato de Richard Schulz, estis kunmetitaj de anonimulo en la 16a jarcento kaj de tiam fariĝis specimeno de popola literaturo.

Verdire, la verko estas interesa por modernulo pli kiel fonto de sociologiaj informoj pri pasinta epoko ol kiel liveranto de literaturaj valoroj. La originala lingvaĵo —kiun la tradukinto perfekte imitas— estas kruda, malriĉa kaj primitiva. La aventuroj en la plej diversaj urboj de Centr-Europo (Germanio, Pollando, Danlando, Flandrio kaj Italio) de Strigospegul' —jen barbo-skrapulo, jen falsa kuracisto aŭ falsa pastro, jen ŝuist-lernanto, ktp.— estas en si mem ofte trivialaj, malofte spritaj. Strigospegul' ne posedas la ĉarmon de socia ribelulo, kiu utiligas la mokon kiel armilon kontraŭ subpremantoj. Li detruas ĉion ĉirkaŭ si, eĉ se per tio li malutilas al malriĉuloj aŭ al bonfarantoj. Sen paroli pri la skatola (en la kemia senco) aspekto de la malheroo.

Ne, Strigospegul' ne havas la rafinitecon de liaj mezepokaj antaŭloj priskribitaj de Boccaccio, nek de liaj renesancaj Rabelais-aj posteuloj, nek de Lazarillo de Tormes.

Feliĉe, la traduko posedas grandegajn kvalitojn kaj tial jam fariĝis modelo de sia genro. Ĝi kreas arkaikan Esperanton por redoni arkaikan originalon. La rimedoj tiucele utiligitaj estas morfologiaj, kiel la utiligo de la pronomo "ci", semantikaj, kiel la uzo de "paroli" en la senco de "diri" kaj sintaksaj, ekzemple la ĵonglado per vorto— kja fraz—ordo.

**Gian Carlo Fighiera**

SABADELL

*La monumento al d-ro Zamenhof estos inaŭgurita en setembro, tutcerte, en la kruciĝo de la stratoj "Pare Rodés", "Ronda Zamenhof" kaj "Sant Vicenç".*

*La Urbana Komisiono informas, ke ĝi emisiis helpbiletojn, aĉeteblajn laŭ ĉia ebleco kaj samtempe oni povas sendi donacojn al: Caixa de Pensions "La Caixa". 027-01-061933-62 / Banc de Sabadell. 11-900-16154-70 / Caixa d'Estalvis de Sabadell. 11-80-000-11.*

*Por pliaj informoj turnu vin al "Comissió Ciutadana Monument al D-r. Zamenhof". Apartat, 407. SABADELL.*

**"En barko senpilota".** Plena original poemaro de William Auld. Bindita. Formato 17. 10 cm. 874 paĝoj. Prezo: 4.700 p-toj. Eldonejo "Edistudio". Pizo, 1987.

Laŭ la enkonduko, la eldonejo "Edistudio" intencas iniciati la eldonadon de belliteratura serio, dediĉota monografie al la plej reprezentaj aŭtoroj de nia kulturo. Kaj jen en tiu unua volumo de la serio estas la originala poemaro de Auld.

La libro estas vere impona pro la poemaro de la aŭtoro, sed ankaŭ imponas la prezentado de la verko; unue la enkonduko de la redaktoro Aldo de'Giorgi, sekvata de pluraj eseoj pri la verko: Amble kun William Auld de Régulo Pérez; La poeto William Auld de Edwwin de Kock; Pensoj de danka leganto de Rejna de Jong; Nacilingvaj literaturaj influoj sur la poemojn de Auld, de Majorie Boulton; Vort-statistikaj esploroj en poemoj de Auld, de Henry Vatré.

Sekvas la poemaran tekston de la aŭtoro diversaj antaŭparoloj al la jam eldonitaj verkoj de W. Auld: de G. Waringhien al "Spiro de l'pasio"; antaŭparolo al la unua eldono de "La infana raso" de John Francis; prologo de Vilmos Benczik al la dua eldono; antaŭparolo al "Unufingraj Melodioj" skizo de John Francis; al "Humoroj" de Henri Vatré; kaj laste estas "Membiografio de la aŭtoro" de William Auld.

La plej elstara poemo de la libro estas la konata "La infana raso", jam dufoje eldonita, eble la plej grava epopeo el la esperanta literaturo.

Per la aliaj poemoj oni povas profunde koni la personecon de la aŭtoro, ĉar nenio alia krom la poezio eliras el la propra spirito de la poetoj, precipe kiam la poezio estas pli ol nura versfarado.

Pro kio William Auld dediĉis sin al la esperanta poezio? Kial William Auld estas esperantisto? Per liaj poemoj oni povas certe malkovri tion. William Auld militis, kiel li diras en la membiografio. (pĝ. 848) "Fininte la liceon, mi volontule aliĝis al la brita aer-armeo (R.A.F.) kaj fariĝis ĉas-aviadila piloto (en Spitfire): kiel socialisto mi estis konscie kontraŭfaŝisma. Mi militservis en Mezoriento, Nordafriko kaj Mediteraneo". Li diras en la poemo "La perfidita juno" (pĝ 156):

*Jam unu fojon ni al fremdaj bordoj*
*iris batale kontraŭ faŝisthordoj.*
*Pro mia kredo mi buĉadi lernis,*
*kaj miltajn homajn vivojn mi ekstermis*
*(aŭ mi supozas tion: mi ne vidis.*

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

*Ni, la junuloj, iris en inferon*
*por tranĉi el la mondo mam'kanceron:*
*mi kredis je pli forta posta sano,*
*pli pura vivo laŭ pacama plano.*

*Oni al ni promesis la futuron,*
*se ni likvidos la faŝistteruron:*
*mensogo fia! Kion ni ricevis,*
*kiam la falsa bestreĝimo krevis?*
*Ĉu pacon kaj esperon kaj progreson?*
*Ne! Aŭdis ni, veninte el batalo:*
*la mondon savis vi por kapitalo!*

Jen respondo al tiu trompaĵo en la poemo "Mankas krotaloj" (pĝ 438)

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

*Ni havas financistojn*
*politikistojn*
*ĵurnalistojn*
*televidon*
*prudulojn*
*kaj ankaŭ aliajn*
*venenaĵojn.*
*Sed krotalojn*
*ni ne havas.*

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Kaj en la poemo "Mi trovis kredon novan" (pĝ 151)

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

*Kaj mi trovis kredon novan*
*kredon pri la homdestin'.*
*Se denove mi militus*
*laŭ ordon' de l'registaro,*
*kaj per bomboj forlikvidus*
*kelkajn milojn de l'homaro —*
*ili estus miaj fratoj,*
*demokratoj:*
*eternan punon mi meritus,*
*se denove mi militus.*

*Do ne plu en la ĉielon*
*mi leviĝos:*
*mian vivon mi dediĉos*
*al laboro sur la tero,*
*por futuro*
*tuthomara,*
*solidara:*
*jen pli granda aventuro!*

*Kaj je la fino de "La infana raso":*
*(la celon mi plenumas*
*la celo nin konsumas)*

Vere se iam verko en Esperanto atingus la Nobel-premion, tio ja estus vera venko por Esperanto. William Hold indas ĝuste kaj juste esti proponita al tiu prestiĝa literatura premio.

**G.M.E.**

## RECENZO

### "ANALOJ DE LA ESPERANTA MOVADO EN HISPANUJO". Dua volumo 1954—1987

Ĝin kompilis A. Marco Botella. 396-paĝa libro, kun formato 21x5'5 c/m. Prezo 1.600 pesetojn. Mendebla ĉe la Esperanto-Societo "FRATECO", Str. San Vicente de Paul, 1 — 50001 Zaragoza.

Post la apero de la unua volumo de la tre grava verko "Analoj de la Esperanta Movado en Hispanujo" sekvis ĉi tiu dua volumo, kiu ampleksas periodon relative ĵusan, do pli konatan de la plej granda parto de la hispanaj esperantistoj nuntempaj.

Tiu libro, kun same interesa enhavo kiel la unua volumo, kaj krome riĉigita per granda kvanto da biografioj de distingindaj esperantistoj nialandaj, oportune plenigis evidentan mankon en la bibliografio de la hispanlanda Esperanto-Movado kiun de nun oni povos funde studadi kaj kun profito analizi, danke al la objektiva kaj fidinda teksto de la verko, cetere ornamita de historio-plenaj fotoj de elstaraj aktivuloj diversregionaj.

La lingvaĵo estas tre klara kaj bonstila, kio donas al la leganto kroman stimulon plene ĝui verkon, kiu ja devas ne manki en la biblioteko de ĉiu konscia samideano. Kiu ŝancos posedi ambaŭ volumojn de "Analoj", tiu neniam pentos ilian akiron.

VELUS

## INTERNACIE

**11a ĈEBALTA ESPERANTISTA PRINTEMPO**

29.5—4.6, 1988. Tutsemajna ripozo ĉe la maro en amikeca kaj internacia etoso. Loko: La Internulejo de Medicina Instru-Centro en KOSZALIN. Pollando

**TURISMO EN LA FRANCA PROVINCO ANJOU**

La Esperanto-centro de Angers povas respondi al ĝeneralaj informpetoj pri la provinco kaj peri por ĉiuj turismaj aferoj.

Jen tri utilaj adresoj (aldonu respondkuponon):

- Syndicat d'initiative, Saint-Aubin-de-Luigné. F— 49190.
- Esperanta Kulturdomo, Grésillon. F— 49150 Baugé.
- Esperanto-centro, s-ro A. Frangeul, 6 rue du Buis, La Roseraie, F— 49000 Angers.

Se hispanaj esperantistoj vojaĝus al Ĉeĥoslovakio ili povu loĝi malmultekoste 2-5 personoj, en nova domo kun ĝardeno kaj saŭno. La domo situas en urbeto ne malproksime de nia ĉefurbo Praha (70 km.). Por informoj skribu al s-ro Miroslav Lajkep, farmaciisto, 285 21 Zbraslavice 310, okr. Kutná Hora. Ĉeĥoslovakio.

# ESPERANTO KAJ LA LABORISTARO
## 1a

Al multaj laboristoj, aŭdintaj paroli pri Esperanto, ŝajnas ke temas pri strangaĵo ekzotika. Persone mi konstatis tiun nescion aŭ mankon de informado al la laboristaro pri nia kara lingvo. Evidente, oni ne povas kulpigi senpripense tiun grandan parton de nia socio, ĉiam okupata pri aliaj temoj pri urĝaj kaj necesaj. Eble granda kulpo de tiu nescio aŭ kono-manko flanke de la laboristaro estas kulpo de la esperantistoj mem, kiuj ne dediĉis specialan atenton kaj fervoron por alvoki la laboristaron al tiu kulturilo nomata Esperanto.

Tamen, akceptante la nunan realon, ekster kulpantoj aŭ neinteresiĝantoj, ni devas konkludi, ke Esperanto ne enŝoviĝis en la laboristan klason, kaj estas ĝuste ĉi tiu socia klaso, kiun plej multe devas interesi komuna lingvo. Lingvo, kiu donas al la laboristaro la eblecojn kontakti aliajn kamaradojn en aliaj landoj. Samtempe Esperanto liberigus la laboriston de tiu kvazaŭ diskriminacio, ekzistanta pro manko de pli ampleksa kulturo.

Esperanto estas lingva fenomeno, tio devas resti tre klara. Ĉiu movado lingva kaj kultura havas sian influon en la malvolviĝo socia de la lando kaj sekve etendiĝas al la resto de la mondo. Esperanto ne povas resti for de tiu regulo. Se la esperantismo estus pli radikinta en la laborista klaso, ĝia disvasteco estus multe pli granda. Tiu kono de la Internacia Lingvo donus plian eblecon al la laboristoj, por ĝusta kono de la internaciaj problemoj, per informoj pli konkretaj, rektaj kaj fidindaj. Siavice la enlandaj sociaj aferoj, la filozofio kaj lukto de la laboristaro estus pli diskonigitaj eĉ eksterlande. Ĉi tiu diskonigo kaj informado estas la fundamenta ŝtono, sur kiu baziĝas la Esperanta filozofio. Do, la posedo de Esperanto flanke de tiom ampleksa parto de la homaro, nome, la laboristaro, donus gravan impulson al la socia vivo kaj ĉiutaga kunvivado.

Ofte la manko de lingvaj konoj izolas la homojn en komunumoj, kvazaŭ veraj insuloj en grandaj maroj de informado. Evidente, oni ne povas paroli ĉiujn lingvojn. Oni eĉ ne povas paroli, lerni, tiujn kvin aŭ ses lingvojn, kiuj en tiu tereno regas la mondo. Jes, estas vero, ke ekzistas privilegiuloj, kiuj pro sia inteligenteco kaj personaj cirkonstancoj povas paroli, mi ne scias, ĉu ĝuste, tiujn kvin aŭ ses lingvojn. Sed la plej granda parto de la homaro estas absolute analfabeta rilate la posedon de fremdaj lingvoj. Kaj eĉ estas multaj homoj, kiuj ne scias sian gepatran lingvon. Kaj se tiun kriterion ni aplikas nur al la laborista klaso, la procento fariĝas multe pli alta.

Do, estas tute necese, ke la laboristaro klopodu atingi la lingvan nivelon, kiun la cirkonstancoj postulas, plialtigante la laboristan dignecon kaj la ĝeneralan kulturon, por ke la laboristoj estu homoj kun horizontoj longaj, larĝaj kaj nefermitaj. Esperanto disponigas ĉi tiun eblecon al la plej malfavorataj homoj de nia socio.

Luis Serrano Pérez

## JEKA (JUNULARA ESPERANTISTA KATALUNA ASOCIO)

**Apartat 23484 E-08080 Barcelona, Hispanio**

NASKIĜIS JEKA! Efective, la pasintan 20an de novembro estis resgistrita oficiale la Junulara Esperantista Kataluna Asocio (JEKA) de la Generalitat. N-ro 9.436. Kial JEKA? Pro la manko de esperantistaj junularaj asocioj memstaraj. Kio estas JEKA? Ĝi estas la rezulto de la laboremo de la esperantistaj gejunuloj por atingi la disvastigon de nia lingvo inter la ne esperantistoj kaj kunlabori kun ĉiuj esperantistoj. Por montri tiun volon, la pasintan 22an de januaro ni eklaboris kaj decidis la jenajn punktojn:

1. Organizi junularan kunvenon en la Junulara Esperantista Restadejo de Monistrol de Montserrat, Camí del Pou s/n, la 27an kaj 28an de februaro. **Ĉiuj gejunuloj, membroj aŭ ne membroj de JEKA estas invititaj.**
2. Aliĝi la asocion JEKA al HEJS–HEF kaj al TEJO–UEA.
3. Fiksi la jaran kotizon je 500 p-toj. (Protektantaj membroj povas mem fiksi pli superan kotizon).
4. Eldoni JEKA–Informilojn en Esperanto, Kataluna kaj Kastilia lingvo.

Por pli facila laborado, ni restos tre dankemaj, se ĉiuj interesatoj aliĝi al JEKA, sendos la Korespondaĵon al: JEKA–Prezidanto, Jesuo Armengol, Apartat 23484 E-08080 – Barcelono

## INFORMOJ PRI IFEF KONGRESOJ

En PERPIGNAN, (Francio) okazos la 40a KONGRESO DE INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO de la 4a gis la 10a de junio de la nuna jaro.

La kongreskotizoj estas jenaj: (en francaj frankoj)

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| **IFEF-membro** | ĝis 1.2.88 | = 150 | gis 1.5.88 | = 220 |
| **Familiano Gejunuloj** | " | = 100 | " | = 150 |
| **Ne IFEF-membro** | " | = 185 | " | = 255 |
| **Subtenanto** | (Laŭvole, kiu pagos almenaŭ 50 FF, tiu ricevos la kongresdokumentojn) | | | |

Por pliaj detaloj kaj informoj, bonvolu skribi al la adreso:

40 a IFEF-KONGRESO
1 bis, rue d'Athènes
75009 PARIS (Francio)

## IFEF KONGRESO EN SALOU

La membroj de HISPANIA ESPERANTA FERVOJISTA ASOCIO en Barcelono, jam laboras pri la organizado de la 41a IFEF Kongreso en la jaro 1989.

Ĝi okazos en SALOU, (Tarragono), de la 13a ĝis la 19a de majo, 1989. SALOU estas unu el la plej mondfamaj somerumejoj de la kataluna marbordo.

Kongresadreso:
Jaume Vidal Margalef
Ruiz de Padrón, 45
08026 BARCELONA

## KION BEZONAS LA SCIENCISTOJ – LA LINGVON ESPERANTO AŬ LA KODON INTERNACIA LINGVO?

De BERNARD GOLDEN

"La Internacia Lingvo al la sciencistoj, la **tutan** Esperanto al la Esperantistoj!" Per tiu retorikaĵo d-ro Helmar G. Frank resumis la asertojn, kiujn li faris pri la nomo de la planlingvo de d-ro Zamenhof, en sia inaŭgura parolado ĉe la Akademio Internacia de Sciencoj (AIS) en Sanmarino en decembro 1983. D-ro Frank argumentis, ke sciencistoj bezonas nur novan kodon por interkompreniĝo, kiel sciencistoj ili ne bezonas la kulturajn valorojn kaj la historian tradicion de Esperanto. Nu, Frank menciis nur sciencistojn, sed en la pasinteco kaj antaŭ hodiaŭ en certaj socipolitikaj medioj regas la nocio, ke por ĉiuj Esperanto devas esti nur ilo, speco de komunika rimedo kiel la telefono aŭ radio.

Ankaŭ en la tempo de Zamenhof estis homoj, kiuj elbuŝigis la saman rekantaĵon:

*Oni bezonas nur la lingvon,*
*For la mucidan tradicion!*

La aŭtoro de Esperanto respondis al tiu sinteno en inaŭgura parolado multe pli leginda kaj legenda ol tiu de d-ro Frank en Sanmarino. La jaro estis 1906, la loko Genevo, kie okazis la Dua Universala Kongreso de Esperanto. Tiel grava estis la demando pri la signifo de la esperantismo tiutempe, ke Zamenhof detale pritraktis tiun temon en sia prelego. Difinante la esperantistojn, Zamenhof priskribis du polusajn tipojn: tiuj, kiuj, akceptinte la internan ideon, "revas unuigi per Esperanto la homaron" kaj ankaŭ tiuj, kiuj "uzas Esperanton ekskluzive por celoj praktikaj". Li deklaris plue, ke la idealisma flanko de la esperantismo ne estas deviga. Ĝis tiu punkto ne estas konflikto inter Zamenhof kaj Frank, ĉar ankaŭ tiu ĉi kaj liaj sciencaj kolegoj uzantoj de Esperanto por puraj praktikaj celoj, ja apartenas al la esperantistaro malgrau tio, ke ili ne deziras esti tiel nomataj. Kiel privataj personoj interkompreniĝantaj per la Esperanta kodo, ili rajtas rifuzi agnoski aŭ apogi la revojn, esperojn kaj agojn de aliaj esperantistoj. Tamen, paradokse, la Esperanto-movado ne ignoros ilin, kaj vole-nevole ili fariĝos partoprenantoj – eĉ se nur periferiaj – en la tradicio.

Bedaŭrinde la afero ne povas tiel resti, ĉar d-ro Frank postulas, ke la Esperanto-movado ne plu uzu la lingvonomom Esperanto, precipe propagandcele inter sciencistoj. Anstataŭe, li proponas, ke oni parolu pri "Internacia Lingvo". Frank bazas sian rezonadon sur la opinio, ke la origina nomo de la lingvo de Zamenhof estas "Internacia Lingvo", dum "Esperanto" estas nur kromnomo. Pri tio Krank eraras. Trakribrado de la verkoj de Zamenhof in-

dikas, ke "lingvo internacia" estis nur unu el la nomoj, kiuj la aŭtoro de Esperanto uzis. La titoloj de liaj unuaj praesperantaj projektoj estis "lingvo universala", poste li uzis la esprimon "lingvo internacia". Ekde 1889 estis aldonita al "lingvo internacia" la vorto "Esperanto" kiel lingvonomo, kaj finfine ĝi sola restis. El tio ĉi estas tirebla la konkludo, ke Zamenhof mem akceptis la nomon Esperanto por sia lingvo kaj uzis ĝin **anstataŭ** "lingvo internacia". La nomo Esperanto, do, funkcias same kiel fabrikmarko. Kvankam aliaj planlingvistoj povas nomi sian lingvon internacia lingvo, imitaĵoj de Esperanto devas esti alimaniere nomataj, ekzemple Esperantido, Nov-Esperanto, k.s. "Internacia Lingvo" ne konvenas kiel nomo de specifa planlingvo, ĉar ĝia signifo estas tro ĝenerala. Estis, estas kaj estos pluraj internaciaj lingvoj. Laŭ la ĝisnunaj nestriktaj difinoj, internacia lingvo povas esti etnolingvo aŭ planlingvo, lingvo vaste uzata tra la mondo sed ne oficiale, aŭ oficiala lingvo uzata inter nacioj sed ne vaste. La termino, do, povas signifi ĉion al ĉiu.

Frank marteladas la punkton, ke la nomo Esperanto ne taŭgas por sciencistoj, ĉar ĝi signifas "ne nur la neŭtralan kodon, sed ankau la kulturajn valorojn, la literaturon, la movadon, la tradicion". Laŭ lia interpreto "Internacia Lingvo" signifas "nur la lingvon mem, la science utilan kodon". Pro tio Frank postulas, ke esperantistoj evitu la uzon de la nomo Esperanto "en ĉiuj oficialaj tekstoj kaj gazetarinformoj rilate AES", kaj li insistas, ke oni uzu (kvazaŭ eŭfemismo!) "Internacia Lingvo... eventuale mallongigite kiel I.L. aŭ ILo".

D-ro Frank kuraĝas peti tiun kompromison flanke de la Esperanto-movado; li eĉ retorike nomas ĝin "historia kompromiso"! Miaopinie, se la esperantistaro akceptas tiun proponon uzi nur la karaktermankan nomon Internacia Lingvo aŭ la nudajn kriptaĵojn IL kaj ILo (eĉ se nur en limigitaj rondoj de sciencistoj kaj alispecaj "praktikaj" homoj) tio signifos ne kompromison sed kompromiton por la movado. Oni ne forgesu, ke malgraŭ la furora propagando pri la Akademio Internacia de Sciencoj, ĝi ankoraŭ estas nur surpapera afero. Cetere, estas substrekite en la fina rezolucio de la Iniciatgrupo de AIS, ke Esperanto "nur servas kiel unu el la oficialaj kaj laboraj lingvoj de AIS". Lau mia scio neniu alia organizaĵo aŭ konferenco ĝis nun malfermis la pordon al Esperanto nur kondiĉe, ke ĝi ŝanĝu sian nomon por povi funkcii kiel oficiala aŭ labora lingvo. Kial, do, la esperantistoj nun klinu sin antaŭ Frank kaj la AIS-anoj?

---

**ALTERNATIVO**

Interesitoj por la ALTERNATIVAJ SOLVOJ: ekologio, edukado, kuracado, medicino, ktp. ktp. turnu sin al s-ro Javier Fernández, La Tarongina nº 27 – 08292 ESPARRAGUERA (Barcelona)

**"MODA TURISMO" invitas:** La Organiza Komitato de la internacia konferenco de esperantistoj-turistoj "Monda Turismo", okazonta en Bydgoszcz —Pollando— de la 18a ĝis 24a de julio 1987, kore invitas la esperantistojn al la partopreno, certigante senpagajn tranoktojn, manĝadon kaj programon. La 25an de julio oni kune forveturos al Varsovio.

LA SEMAJNO ANTAŬ LA 72a UK de ESPERANTO: 7a Ĝenerala Konferenco de "Monda Turismo". 3a Internacia Simpozio "Esperanto en Turismo". 12a "Esperantaj tagoj de Bydgoszcz".

LA DU SEMAJNOJ TUJ POST LA 72a UK: Internaciaj Seminarioj "A", "B" kaj "C" pri Cseh-metoda instruado de Esperanto kaj Cseh-metoda kurso de Esperanto por komencantoj. (Esperantotur en Bydgoszcz).

REPREZENTANTO EN HISPANIO DE "MONDA TURISMO": Madrida E-E-Liceo, c/ Atocha 98 – 4°, Madrid-28012.

**BUDAPEST.**— La Hungara Nacia Biblioteko ĝoje partoprenas en la festa ĝojo de la jubileanta esperantistaro. En la jubilea jaro 1987 en la tempo de la Budapeŝta Printempa Festivalo ili aranĝis Ekspozicion de Esperantaj Libroj titolitan "La Vojo de Esperanto-libro en Hungario". La ekspozicio konsistis en la libroj de Károly Fajszi, kies Esperantaj kolektoj havas preskaŭ 20.000 bibliografiajn unuojn, inter ili pli ol 7.000 librojn kaj 3.000 binditajn jarkolektojn.

**BRITUJO.**— Honore al la Centjariĝo de Esperanto la Landa Asocio, Esperanto-Asocio de Britujo organizis Esperantan Jubilean Feston. Ĝi okazis la trian, kvaran kaj kvinan de julio kaj konsistis el solena malfermo kun paroloj de bonkonataj esperantistoj, kantado de la Londona Esperanto-ĥoro; ludado de la teatraĵo "La Graveco de la Fideliĝo" de Oscar Wilde tradukita de William Auld speciale por la Festo, kaj Koncerto de la Londona Kimra Virvoĉa Ĥoro.

**USSR**

Esperanto-Komisiono, Taŝkento, Uzbekistano, 2/K 140, USSR informas: ĉe ni okazis senprecedenca afero (almenaŭ por SU!): la redakcio de la revuo "Soveta Uzbekio" konsentis havigi al si Esp-an rubrikon. Al la esp-toj estas disponigita duonpaĝo en ĉiu numero. Se la legantoj esperantistoj estos aktivaj kaj al la redakcio venados konstruivaj leteroj, la rubriko povas esti pligrandigita.

Por varmigi la intereson de la redakcio kaj de la redaktoro ni petas, ke oni skribu al: "Sovetskij Uzbekistan", Lenin-str. 41, SU—700.000, Taŝketo, USSR.

"**Informilo por interlingvistoj**" aperas 3-4 foje en la jaro kaj enhavas po 16 paĝojn kun informoj interesaj por interlingvistoj kaj esperantologoj. Fakuloj interesitaj pri tiu temaro povas ĝin senpage ricevi de Centro de Esploro kaj Dokumentaro de UEA, Nieuwe Binnenweg, 176 NL 3015 Bj Rotterdam.

**TARRAGONA**

La ĵurnalo "Español de Tarragona", 2an de septembro de 1987, anoncis la inaŭguron en tiu urbo de la 3a Tutmonda Kongreso de Cibernetiko, kun la sciigo, ke Esperanto estos la lingvo plej uzata en tiu Kongreso, ĉar ĝi estas la oficiala lingvo de "Tutmonda Asocio de Cibernetiko".

**SABADELL**

LA UNUA STARIGOTA MONUMENTO AL D-RO ZAMENHOF EN HISPANIO.– Laŭ iniciato de esperantistoj de tiu urbo, okazis multnombra kunveno en la urbodomo por pritrakti pri la starigo de monumento al d-ro L.L. Zamenhof en Sabadell. Estis elektita civitana komisiono, kies membroj estas Pere Soler, Ramón Manau, Josep Maria Galofré, Jaume Armengol, Eulalia Giner, kaj Juli Aliaga.

Baldaŭ oni emisios helpajn pagbiletojn kaj akceptos donacojn. Kunlaboru starigi monumenton al la kreinto de Esperanto. Petu informojn al Civitana Komisiono "Monumento al d-ro Zamenhof". Poŝtkesto 407. 08002 SABADELL.

---

ILEI (Internacia Ligo de Esperantistoj Instruistoj), kiel sekcio de HEF, intencas oficialigi Korporacion de Profesoroj de Esperanto (oficiale rekonita de la Ŝtato). La Ministerio pri Edukado petis de ni iujn dokumentojn, kaj do, ni necesas tre urĝe sciigojn de tiuj esperantistoj (ILEI-anoj aŭ ne) kiuj atingis la diplomon de "Esperantista Instruisto" de HEF kaj deziras esti membroj de la estonta korporacio.

Bonvolu, se vi estas en tia situacio, sendi rapide al: ILEI, c/ Sol, 75 – 41003 SEVILLA: – nomon kompletan
– adreson
– identigan numeron (D.N.I.)

Ĉi tiu afero estas tre grava por la oficialigo de la instruado de É-o en Hispanio.

**Manuel López Hernández**

---

IMPROTUR – SECRETARIA GENERAL DE TURISMO – M.T.T.C. eldonis luksan turisman broŝuron pri "MADRID KAJ ĜIA MONUMENTA ĈIRKAŬAĴO". La broŝuro enhavas 24 grandajn paĝojn, ilustritajn per koloraj bildoj kun mapoj de ĉirkaŭaĵo, aŭtovojoj kaj plano de Madrido-centro. Krome ĝi ankaŭ enhavas: liston de interesaj lokoj, sciindaĵojn pri la urboj Toledo, Segovia, Avila, Cuenca, Ciudad Real, Almagro, Guadalajara, Sigüenza, Aranjuez, Alcalá de Henares kaj informoj pri sportoj, manlaboraĵoj, gastronomio kaj festoj.

---

La ĵurnalo de Madrido ABC, 24.11.87, en la sekcio KULTURO raportas pri "Du verkoj de Federico García Lorca, tradukitaj al Esperanto". Ĝi mencias, ke la eldono estis subvenciita de la Ministerio pri Kulturo.

Pri la tradukisto Miguel Fernández asertas, ke li en la tradukado de "Sanga Nupto kaj La Domo de Bernarda Alba" ne trovis multajn malfacilaĵojn, krom la malfacilaĵoj komunaj al ĉiuj lingvoj kaj la tipaj andaluzaj lorkaj esprimoj.

## SALUTO
## DE LA URBESTRO DE VALENCIO

Estas honoro por mi akcepti en Valencio la partoprenantojn en la **48a** Hispana Kongreso de Esperanto, same kiel multufoje estis por miaj antaŭloj de kiam en 1902 aro da elstaraj valencianoj (Guinar, Jiménez, Duyos, Martínez Aloy, Marzal, Inglada, Giménez Valdivieso kaj aliaj prestiĝaj homoj) naskigis la unuan esperantan grupon en nia urbo. Ĝi estis la kerno de enviinda aktiveco, kiu nur sep jarojn poste venigis al Valencio la kreinton de ĉi tiu universala lingvo, organizis la famegan kongreson en 1923 kaj post la milita tragedio, fondis kaj donis sidejon al la Hispana Esperanto-Federacio. De tiam, kelkaj kongresoj okazis ĉi tie kaj decida estis ĉiam la kunlaboro, kiun la esperantistaro trovis en la demokrata Urbodomo.

Tio okazis, ĉar Esperanto estas io pli ol artefarita idiomo kun pretendo de universaleco. Ĝi estas ankaŭ laŭdinta kontribuo al la homa frateco, veto por la paco pere de dialogo kaj reciproka interkompreno. En la nuntempa epoko en kiu iom post iom la lingvoj de la superregantoj trudiĝas kiel mondaj lingvoj, la plifortigo de Esperanto estas neforgesebla neceso.

Lingvoj ne estas neŭtralaj: ili montras la vidpunkton pri la mondo, kiun en la parolmomento la parolantoj kreas kaj reproduktas ĉiutage. Ne vane la skimoj havas dekojn da vortoj por diri neĝon, same kiel la araboj por nomi kamelojn laŭ iliaj karakterizaĵoj. Pro tio ni bezonas Esperanton, por ke paco signifu pacon kaj ne pretiĝon de milito.

**Ricard Pérez Casado**
Urbestro de Valencio

## LOĜADO

STUDENTA RESTADEJO "LA CONCEPCION" (apud la Kongresejo) 12 dulitaj ĉambroj kaj 26 unulitaj ĉambroj, (entute 50 litoj haveblaj)

Prezo: Tuta pensiono: 1.700 p-toj
Duonpensiono: 1.400 "
Tranokto kaj matenmanĝo: 1.200 p-toj

Adreso: Av. de Suecia, 23. Tel. (96) 326 96 16

Rezervoj: NUR telefonante lunde kaj merkrede de la **8a ĝis la 9a vespere al** Grupo de Esperanto Valencia. Tel. (96) 326 96 16



*Universidad de Valencia*
*Facultad de Ciencias Económicas y Empresariales*
*El Vicedecano*

Valencia, 13 de Enero de 1.988

D. Augusto Casquero de la Cruz
Avda. Burjasot, 29, Esc., A, 8ª, 31ª
46009-VALENCIA

Muy Sr. mio:

Acuso recibo de su atta. carta del día 16 de diciembre de 1.987, relativa a la celebración de los días 14 al 18 de Julio del año 1.988 del 48º Congreso Español de Esperanto. Le comunico al respecto que la Facultad autoriza la celebración en sus dependencias del citado Congreso, debiendo concretar los detalles organizativos con la Secretaria de este Decanato, Srta. Yolanda Sánchez.

Atentamente,

Fdo.: Isidro Antuñano Maruri

